3.ª Epoko * N.º 95 :: Aprilo * 1925 ::

# LA SUNO HISPANA

Organo de la hispanaj esperantistoj ✶ Organo de los esperantistas españoles

Fondinto: AUGUSTO JIMENEZ LOIRA

Redakcio: Mar, 23 = VALENCIA

La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos

Direktoro: M. CAPLLIURE



## NOTOJ DE LEGANTO

En la februara artikolo «Al la hispana esperantistaro» LA SUNO HISPANA alvokis al ĉiuj hispanaj samideanoj: Parolu! Silento estas morto!

Efektive, oni necesas paroli, oni necesas voki al ĉiuj dormantoj, krii, kriegi, ke ili vekiĝu, ke ĉesu tiu stato senaga, senenergia, en kiu troviĝas bedaŭrinde multaj, tre multaj el «nia diligenta kolegaro».

LA SUNO demandas, kial nun jam antaŭe konvinkitaj esperantistoj skeptikuliĝas. Jen lmia modesta respondo kaj opinio:

Ĉar ili vidas nenian movon en la hispana «movado», ili devas konstati ke la hispanaj esperantistoj eĉ en K. R. ne estas reprezentataj; ili nur maloftege rimarkas noteton pri Hispanujo en la internaciaj Esperanto-gazetoj; unuvorte, laŭ ilia eksteraĵa juĝo Esperanto perdis en iliaj okuloj ĉian gravecon; kaj tial ili opinias siaflanke superflue subteni Esperanton plenforte, entuziasme, fervore.

Kompreneble, aldone kaj klarige mi devas konfesi, ke tiuj samideanoj ne vidas movon, ĉar ili diligente evitas partopreni en kunvenoj; ili devas konstati la foreston de la hispanaj-kastillingvanoj en K. R., ĉar ili mem ne estas organizitaj, male organizaj demandoj ŝajnas al ili sekaj, enuigaj, tedaj. Ili nenion rimarkas en la gazetoj, ĉar eĉ la landan esp.-gazeton ili ne abonas nek legas.

Sed eble miaj vortoj estas tro akraj. Ili pardonu, ne koleru! Mi ne volas riproĉi, mi volas nur revoki ilin en nian tendaron, kie ni bezonas ĉiujn. Ili revenu al la agemeco, ne malzorgu idealan taskon, kies fervoraj batalantoj ili estis antaŭe. Kun ĉies helpo ni ne estas tiel malfortaj, kiel ŝatas aserti indiferentuloj aŭ kontraŭuloj. Kaj tial «hispanaj esperantistoj el ĉiuj regionoj unuiĝu!»

---

Jam mi haltas ĉe la vorto, kiun mi volonte estus evitinta. Vere, nia eminenta pioniro V. O. de Allende estas prava dirante, ke «kun relativa malfacileco la hispanaj esperantistoj iras la vojon de organizado». Organizo, grupiĝo, unuiĝo — jen kio ŝajne ne facile resonas en la koroj de niaj samideanoj. Bilbao estis grava paŝo antaŭen en

tiu direkto. «Sed restas ankoraŭ io farota». Allende diras, ke konfederacia regularo estos aprobata de la Registaro nur post aprobo de la unuopaj Federaciaj statutoj. Tio supozas unue la ekziston de Federacioj en ĉiuj regionoj, kio por mi ŝajnas peza postulo. Ĉu la plej simpla organiza linio ne estas grupo — konfederacio? Unue ni ne disigu niajn malmultajn fortojn! Federacioj ne estas nepre necesaj, sed konfederacio jes. Tiuj nun devus ludi la rolon de «teritorioj» kiel ĉe UEA, ne esti memstaraj organizaĵoj kun granda estrara aparato, aparta kotizo kaj tre duba realvaloro. La grupoj estu la ĉeloj, el kiuj konsistas la tutlanda organizaĵo, kiel en abelŝtato.

Ankaŭ pri la nomo mi ne konsentas. Mia sincera penso estas: Niaj katalun-lingvaj samcelanoj jam havas sian fortan, bone funkciantan federacion, kiu por ili samtempe estas nacia asocio kiel ekz. Brita E. asocio, Germana E. asocio k. t. p. La portugalaj samideanoj fondis laŭ ricevita informo antaŭ nelonge nacian federacion, kiu reprezentos la «portugalan asocion». Do, la nomo de nia organizaĵo aŭ societo aŭ unuiĝo tute logike devas esti: Hispana Esperanto-Asocio (HEA) Ĉiu el tiuj 3 asocioj publikigos sian organon. La katalunoj «Kataluna'n Esperantisto'n», la hispanoj LA SUNO'N HISPANA'N kaj verŝajne ankaŭ la portugaloj povos eldoni naci-lingvan-esperantan gazeton.

Ĉiuj tri asocioj, tiamaniere povos labori neĝenite kaj ne enmiksante sin en nacilingvaj aŭ regionaj aferoj, ĉiu por si kaj por Esperanto. Eble — kaj mi esperas ke baldaŭ venos la tempo, kiam super tiuj tri *naciaj* asocioj fondiĝos el ili unu *sennacia*, tiu, kiun ni hodiaŭ nomas tute malprave «Iberia Konfederacio». Sed tiu de mi imagata havas malmulte da simileco kun la nuna.

El ĉio supre dirita sekvas, ke rilate al gazeto por Hispana Esperanto-Asocio ne povas ekzisti ia dubo. Ĝi estas propagandilo por *nacia* societo, ĝi havas la taskon varbi inter nacilingvanoj, kaj tial ĝia plej taŭga, plej trafa formo estas tiu de LA SUNO HISPANA. Se poste ia «Iberia Konfederacio» kreos alian gazeton, tiu kompreneble ne povos aperi kun trilingva teksto kaj Esperanto sed simple en nia internacia idiomo. Ĝi tamen neniel tuŝas aŭ anstataŭas la nacian asocian organon.

Mi konscias, ke miaj pensoj, sugestoj kaj rimarkoj ne estas neeraremaj. Malgraŭ tio mi komunikas ilin al vi, hispanaj esperantistoj, kaj mi esperas ke ili kunhelpu al la progresigo de nia sankta afero sude de la Pireneoj. Se tion mi nur iomete atingus, ne estus vane skribitaj la notoj de leganto.

JOBO.

---

## La estonta societo

La hodiaŭa sociala homo, falsigita de la malsaniga alkonformiĝo al la kapitalo, devenas stranga miksaĵo de civilizacio kaj barbareco. Li pensas kaj sentas, ŝajne kiel kristano, sed li agas sammaniere ol individuo el la antikvaj aristokrataj kaj nehumanaj Respublikoj. La sfero de intelekto malgrandiĝis tiel, kiel estas malgrandiĝinta tiu de la volo.

De tago al tago pli kontraŭa al la sento de justeco, la nuna societo donas al ni

## La sociedad del porvenir

El hombre social de hoy, adulterado por la morbosa adaptación al capital, viene a ser una mezcla extraña de civilización y barbarismo. Piensa y siente, al parecer, como un cristiano, pero obra a la usanza de un ciudadano de las aristocráticas e inhumanas Repúblicas antiguas. La esfera de inteligencia ha decrecido tanto como ha menguado la de la voluntad.

Cada día más refractaria al sentimiento de la justicia, la sociedad actual nos da

la malgajan kaj paradoksan spektaklon de invers'gita mondo: «supre, entronigitaj kaj respektegitaj, la malvirto kaj mallaboremo; malsupre, batalante kontraŭ malsato kaj doloro, la homoj laboremaj kaj utilaj», tio estas, la kapoj kiuj, laŭ dirus Spencer, estas pli bone alkonformigintaj, incititaj de la maldolĉa neceseco, suverena skulptisto de la nerva argilo, la dinamikajn rilatojn internajn kun la eksteraj.

De kie devenas la neevitebla dekadenco kaj progreshaltigo de la homa raso, tial ke la organizacioj supere alkonformigitaj, estas konsumitaj de la infektoj, dum, kontraŭe, la neproduktuloj, la nealkonformigeblaj, la spiritmankantaj sategaj je plezuroj, naskas fortikan posteularon, eternigante tiamaniere la neutilan pezon de la sociala maŝino.

Ne regas, do, por la civilizita homo, la principoj de memelekto je la plej kapabla, nek triumfas ĉe la vivbatalado la kasto el la plej bonaj; kontraŭe, la alkonformigo estas ligita de artefarita eksterorganika kondiĉo, nekonata ja ĉe la cetera animaleco, kaj nekonsumebla fonto de haltigoj, returneniroj kaj monstraj organizacioj, kiel estas: la akiro kaj ĝuo de l'kapitalo kun la sola celo garantii la seninterrompon pri la mallaboremo de iuj malmultaj kaj la naivan kreskigon de la parazitoj de la laboro. Tio signifas ke la homa modelo, eterne balanciĝante de la mizero al la sufiĉego kaj de la anemio ĝis la sangpleneco, devenas io stranga kaj nekomprenebla, speco de frenezulo vundita de la malofta manio altrudi la malsaton al la aliaj, por akiri la superegan volupton mortigi sin per satego.

Mi juĝas, ke la solaj kapitaloj antropologie legitimaj estas la homa organizo kaj la fortoj de la Naturo, produktelementoj kiuj nur povos konsente marŝi kun la justeco kaj la evolucia leĝo, kun la kondiĉo ke ili estu kolektive starigitaj kaj administritaj.

el triste y paradójico espectáculo de un mundo al revés: «arriba, entronizados y venerados, el vicio y la holganza; abajo, luchando con el hambre y el dolor, los laboriosos y los útiles», es decir, las cabezas que, según diría Spencer, han adaptado mejor, aguijados por la dura necesidad, soberano escultor de la arcilla nerviosa, las relaciones dinámicas internas a las externas.

De donde la inevitable decadencia y estancamiento de la raza humana, puesto que las organizaciones superiormente adaptadas, son consumidas por las infecciones, en tanto que, por lo contrario, los zánganos, los inadaptables, los indigentes de espíritu, ahitos de placeres, incuban prole robusta, perpetuando de esta suerte el peso muerto de la máquina social.

No rigen, pues, para el hombre civilizado, los principios de la selección del más apto, ni prevalece en la lucha por la vida la casta de los mejores; antes bien, la adaptación se ajusta a una condición artificial extraorgánica, por cierto desconocida del resto de la animalidad, y semillero inagotable de estancamientos, retrocesos y organizaciones aberrantes, a saber: la adquisición y goce del capital con el fin exclusivo de garantir la perennidad de la holganza de unos pocos y el aumento inocente de los parásitos del trabajo. Como que el tipo humano, oscilando perpetuamente de la miseria a la abundancia y desde la anemia a la plétora, viene a ser algo extraño e incomprensible, una especie de vesánico aquejado de la rara manía de imponer el hambre a los demás, para procurarse la soberana voluptuosidad de suicidarse de hartura.

Estimo que los únicos capitales antropológicamente legítimos son la organización humana y las fuerzas de la Naturaleza, factores de producción que no podrán marchar en consonancia con la justicia y la ley evolutiva, sino a condición de ser colectivamente fomentados y administrados.

«La tero por ĉiuj, la naturaj energioj por ĉiuj, la talento por ĉiuj»: jen estas la bela devizo de la estonta societo.

Tempoj venos kiam la scienco lumigos la konsciencojn kaj levigos la korojn.

Kaj tiam, kiam ekzilita la kulpa fetiĉisto de l'kapitalo, la homo estos enkorpigita en la leĝojn de la evolucio; kiam elesploritaj kaj ekspluatitaj la naturaj fortoj, la kosmo laboros por ni, funkciigante sennombrajn maŝinojn kaj fabrikante komercaĵojn, kies prezo estos ridiga; kiam, eltrovita la sekreto pri kemia sintezo, la estonta inĝeniero ellaboros sen la tera kunhelpo la amelon, la glutenon, la albumenon, la sukeron kaj la grason, utiligante por tio la vivforton de la sunaj radioj aŭ ian ajn formon de la natura energio; kiam la senokupeco rajte gajnita permesos la universaligon de la scienco kaj de l'arto, kaj ĉiuj povos ĝui la neesprimeblajn harmoniojn kaj belecojn, kiuj agitiĝas en la interno de la Naturo; kiam, fine, liberigitaj de la solidareco kaj de l'amo, ĉiuj sin sentos kvazaŭ ondoj de sama vivelfluo, frataj ĉeloj de sama korpo... kian signifon havos la vortoj riĉulo kaj malriĉulo, sinjoro kaj sklavo, feliĉa kaj malfeliĉa?

Kian gravecon havos tiam la fakto, ke la amo multigos eksterordinare la homospecon, nek ke la malafabla ĉielo kaj la sendanka tero troŝparos siajn fordonojn?

Tie estos, energia kaj vigla, por kontraŭagi ĉian specon de kosmaj okazintaĵoj, la homa cerbo, superigita pro la fidela alkonformiĝo al la monda menanismo, prezentante al ni, malavara, novajn kaj savigantajn elpensojn.

Nia estos ankaŭ la neestingebla trezoro de la suna flambrulaĵo, kiun la scienco, eble liberigita de nia antikva kaj laca «nutranto» la tero, scios modeli kaj transformi en ravkolorajn fruktojn kaj oraspektajn spikojn. Kiu timas la konsumadon de la suna forto, de la venta kaj

«La tierra para todos, las energías naturales para todos, el talento para todos»: he aquí la hermosa divisa de la sociedad del porvenir.

Tiempos vendrán en que la ciencia ilumine las conciencias y eleve los corazones.

Y entonces, cuando desterrado el culpable fetichista del capital, el hombre haya sido incorporado a las leyes de la evolución; cuando escudriñadas y explotadas las fuerzas naturales, el cosmos trabaje para nosotros, poniendo en acción infinitas máquinas y fabricando mercancías a precios irrisorios; cuando, descubierto el secreto de síntesis química, el ingeniero del porvenir elabore sin el concurso de la tierra la fécula, el gluten, la albúmina, el azúcar y la grasa, utilizando al efecto la fuerza viva de los rayos solares o cualesquiera forma de energía natural; cuando el ocio bien ganado permita la universalización de la ciencia y el arte, y todos puedan saborear las inefables armonías y bellezas que palpitan en el fondo de la Naturaleza; cuando, en fin, redimidos por la solidaridad y el amor, todos nos sintamos ondas de una misma corriente vital, células hermanas de un mismo cuerpo..., ¿qué significado tendrán las palabras rico y pobre, señor y esclavo, feliz y desdichado?

¿Qué importará entonces que el amor multiplique sobremanera la especie, ni que el cielo adusto y tierra ingrata nos regateen sus dones?

Ahí estará, enérgico y avizor, para reaccionar contra toda suerte de accidentes cósmicos, el cerebro humano, sublimado por la fiel acomodación al mecanismo del mundo, ofreciéndonos, generoso, nuevas y salvadoras invenciones.

Nuestro será también el inextinguible tesoro de la hoguera solar, que la ciencia, emancipada quizá de nuestra antigua y fatigada «nutriz» la tierra, sabrá modelar y cuajar en rutilantes frutos y doradas espigas. ¿Quién teme el agotamiento de la fuerza solar, del movimiento del viento y de los mares, de las cataratas de las cor-

mara movadoj, de la akvofalegoj de la montaroj, de la suverena potenco de la penso?

Belega kaj kuraĝiga idealo, kiu eble ian tagon fariĝos vivanta kaj briloplena realaĵo!

Ni kredu je ĝi por ke ĝia alveno okazos, ĉar en tiu-ĉi malsupera mondo nur estas realigebla tio, kio estas energie kredita kaj esperita.

*Tradukis*, FERDINANDO SOLER.

dilleras, de la soberana potencia del pensamiento?

¡Soberbio y alentador ideal, que acaso un día se convierta en viva y palpitante realidad!

Creamos en él para que tenga lugar su advenimiento, porque en este bajo mundo sólo es realizable lo enérgicamente creído y esperado.

DR. S. RAMÓN Y CAJAL.

---

## SE LA VIRINOJ REGUS!...

Antaŭ kelkaj tagoj, mi iris, laŭ mia kutimo, promeni en la tombejon. La vetero estis malbona, kaj densa nubaro kovris la ĉielon kaj kaŝis la sunon. Tial, anstataŭ piediri, kiel mi iris aliajn fojojn, mi atendis la tramon por supreniri en ĝin. Tiel mi faris tion. Kiam mi eniris en la vagonon ĝi estis preskaŭ malplene. Poste, la personaro eksupreniris iom post iom.

Mia sorto volis ke tri junulinoj sidiĝus kontraŭ mi. Ili estis belaj, laŭ mi kredas, kvankam mi ne povas tion certigi, ĉar mia monaĥa spirito timiĝas vidante inon. Tial do, ili ne estus okupintaj, eble, mian atenton, se illi restus silentaj. Sed ili estis virinoj, kaj kiu vidis iam virinon silentan? Kaj, se ne povas silenti virino, kiel silentos tri kunaj?

Mi diras do, ke ili paroladis, kaj mi ne forgesos aldoni ke ili parolis esperante. Tial eble, kredante ke mi ne povus ilin kompreni, la junulinoj laŭte parolis, sen alia limo ke tiu kiun bona eduko postulas. Tio min plezuris kaj faris aŭskulti al mi. Dum kuris rapide la tramo tiuj virinetoj ridetis parolante pri la nuna leĝaro, tiel favorebla—ili diris—por la viro, kiel nefavorebla por sia dolĉnaiva kompanino.

—Jam batos la horo de nia estreco—di-

## ¡SI LAS MUJERES MANDASEN!..

Hace algunos días fuí, según mi costumbre, a pasear al cementerio. El tiempo era malo, y espesas nubes cubrían el cielo y ocultaban el sol. Por eso, en vez de ir a pie, como fuí otras veces, esperé el tranvía para subir en él. Así lo hice. Cuando entré en el vagón estaba casi vacío. Luego la gente comenzó a subir poco a poco.

Quiso mi suerte que tres jóvenes se sentaran frente a mí. Eran hermosas, según creo, aunque no puedo asegurarlo, porque mi espíritu de fraile se asusta viendo lo femenino. Por eso, pues, no habrían ocupado, tal vez mi atención, si hubieran permanecido calladas. Pero eran mujeres, y, ¿quién ha visto nunca una mujer callada? Y si no puede callar una mujer, ¿cómo callarán tres juntas?

Digo, pues, que iban hablando, y no olvidaré añadir que hablaban en esperanto. Por esto, acaso, creyendo que yo no podría comprenderlas, las jóvenes hablaban en voz alta, sin otro límite que el que exige una buena educación. Eso me agradó y me hizo escuchar. Mientras el tranvía corría rápidamente, aquellas mujercitas sonreían hablando de la actual legislación, tan favorable—decían—para el hombre como desfavorable para su candorosa compañera.

—Ya sonará la hora de nuestro mando

ris unu fine—kaj kiel la laktistino de la tiel konata fabelo, ili ekfaris projektojn por kiam alvenos la deziregita horo.

—Mi estos la valencia urbestrino—unu diris.

—Mi estos ĝia generalino—diris alia.

La tria silentis.

—Bone, kaj vi kio estos tiam?—demandis al ŝi, ŝiaj amikinetoj.

La junulino, blonda, gracia, sendubi respondis:

—Mi estos prezidantino de la Kongreso, ĉar tiel mi faros la leĝojn kaj ĉiuj aferoj iros laŭ mia volo. Mi havas jam skribitaj kelkajn leĝojn, kiujn mi tiam publikigos. Ĉu vi deziras ilin koni? Jen la unua:

Kaj prenante sur sia vizaĝo ridindan severecon, per grava voĉo, kaj movante minacanta sian rektan fingreton, ekdiris malrapide:

—Leĝo de la amo. Unua artikolo. Ĉiu viro el kiu oni alvenos scii ke li amas neniam virinon, estos tuj pafilota...

Sen atendi la duan artikolon mi tuj forlasis mian sidejon, kaj elirante el la vagono, mi ĵetiĝis en la straton. Por kio mi pli estis atendonta? Se per la unua artikolo jam oni prenegis al mi la vivon, la sekvantaj artikoloj ne jam povis tuŝi min.

Kiam mi min vidis meze de la strato, for de tiuj dolĉnaivaj knabinetoj kiuj tiel facile ludis je la vivo de la urbanoj, mi dankis al Dio, kaj per mia preĝo mi petis al Li ke ili estros neniam. Dume, la vagono foriĝis rapide, fine malaperante.

De tiam mi timegas la virinojn, la leĝojn kaj eĉ la servan tramon.

EDUARDO MORENO.

Valencio, 4-3-25.

—dijo una al fin—y, como la lechera del tan conocido cuento, empezaron a hacer proyectos para cuando llegase la hora tan deseada.

—Yo seré alcaldesa de Valencia—dijo una.

—Yo seré su generala—dijo otra.

La tercera callaba.

—Bueno, y tú entonces, ¿qué serás?—le preguntaron sus amiguitas.

La joven rubia, graciosa, respondió sin vacilar:

—Yo seré presidenta del Congreso, porque así yo haré las leyes, y todos los asuntos irán según mi voluntad. Tengo ya escritas algunas leyes que entonces publicaré. ¿Deseáis conocerlas? He aquí la primera:

Y mostrando en su rostro una cómica severidad, con voz grave, y moviendo amenazador su recto dedito, comenzó a decir lentamente:

—Ley del amor. Artículo primero. Todo hombre del cual se llegue a saber que no ama a mujer alguna, será inmediatamente fusilado...

Sin esperar el artículo segundo abandoné en seguida mi asiento, y, saliendo del vagón me arrojé a la calle. ¿Para qué había de esperar más? Si por el artículo primero ya se me arrebataba la vida, los artículos siguientes ya no me podían interesar.

Cuando me ví en medio de la calle, lejos de aquellas candorosas muchachitas que tan fácilmente jugaban con la vida de los ciudadanos di gracias a Dios, y en mi oración le pedí que no mandasen nunca. En tanto, el vagón se alejaba rápidamente, desapareciendo al fin.

Desde entonces tengo horror a las mujeres, a las leyes y hasta al servicial tranvía.

EDUARDO MORENO.

Valencia, 4-3-25.

---

**Rimarko:** Antaŭ kelkaj tagoj, elirante el la klasoĉambro, unu el la lernantoj demandis al mi la tradukon de kelkaj hispanaj vortoj, ĉar li nur havis ŝlosileton

**Observación:** Hace algunos días, al salir de clase, uno de los alumnos me preguntó la traducción de algunas palabras españolas, porque él sólo tenía una pe_

kaj en ĝi ne estis trovinta ilin: post la klarigo mi miavice demandis ĉu li bezonis ilin por ia traduko. Jes, li respondis, mi ekzercas tradukante, eĉ mi kuraĝis fari originalan verketon. Tie-ĉi mi devas klarigi ke tio okazis en la unuaj tagoj de la monato marto, kiam la tri monatoj forpasintaj de la komenco de kurso, apenaŭ sufiĉis por instrui iomete pli ol la duonon de gramatiko, tial multaj reguloj kaj gramatikaj aferoj estas klarigotaj, sekve ne konataj de ili.

Mi opiniis ke tio estos malgrava fuŝverko de komencanto, sed dezirante lin helpi mi petis la originalon. Jen ĝi, tuj li rediris. Kiam alveninte hejmen mi ĝin legis, trovis ke ĝi estis sufiĉe merita, tial mi alportis la originalon en redaktejon de La Suno Hispana kaj montris al kunlaborantoj, kiuj juĝis ĝin inda je publikigo.

En la sekvinta tago, dum praktika klaso, mi petis de la aŭtoro ke li legu la verketon, la gekunlernantoj tradukis hispanen, komentariis kaj diskutis ĉu tio ĉi estas korekta, ĉu tie mankas aŭ ceteras la *n* de akuzativo, k. t. p., k. t. p., ĝis fine ili trovis ĝin bona por publikigo.

Memkompreneble ĝi ne estas korekta, sed mi ne kuraĝas surmeti flikaĵojn ĉar tiam ĝi perdus tutan sian meriton, kiu precize konsistas en tio ke la aŭtoro verkis originale, kaj la kunlernantoj tradukis kaj korektis estante nur trimonataj lernantoj de alterna klaso, kaj studinte apenaŭ iom pli ol duonon de la gramatiko.

La profesoro.

queña clave y en ella no las había encontrado; después de la explicación, a mi vez le pregunté si las necesitaba para alguna traducción. Sí, me respondió, hago ejercicios de traducción y hasta me he atrevido a escribir un trabajito original. Debo decir aquí que esto ocurría en los primeros días del mes de marzo, cuando los tres meses pasados desde el comienzo del curso, apenas habían bastado para explicar poco más de la mitad de la gramática; por tanto, muchas reglas y formas gramaticales estaban por explicar y por consecuencia les son desconocidas.

Pensé yo que aquello sería una pequeña chapucería de principiante, pero deseando ayudarle le pedí el original. Helo aquí, —me dijo—. Cuando llegado a casa lo leí, encontré en él bastante mérito, por lo que llevé el original a la redacción de La Suno Hispana y lo enseñé a los colaboradores, quienes lo juzgaron digno de publicación.

Al día siguiente, durante la clase práctica, rogué al autor que leyera la obrita y los condiscípulos la tradujeron al español, la comentaron y discutieron si esto era correcto, si allí faltaba o sobraba la *n* del acusativo, etc., etc., hasta que finalmente la encontraron bien para ser publicada.

No hay que decir que no está correcta, pero yo no me atrevo a hacerle remiendos, porque entonces perdería todo su mérito, el cual consiste precisamente en que el autor la escribió originalmente y los condiscípulos la han corregido y traducido, siendo solamente alumnos de tres meses de clase alterna y habiendo estudiado poco más de la mitad de la gramática.

El profesor.

## Recenzo

«Personal Mail Course in Practical Esperanto», de D-ro. Benson, 20 Mercer street *Newark*, N. J.—U. S. A.—Jen nova metodo por lerni Esperanton per poŝto,

## Crítica literaria

«Curso personal por Correspondencia de Esperanto práctico», del Dr. Benson, 20, Mercer street, *Newark*, N. J.—Estados Unidos de América.— He aquí un

starigita de verŝajne tre grava entrepreno Usona, *The Benson School of Esperanto, Incorporated*, kiu estas preta fari la ĝis nun plej seriozan propagandon favore al la disvastigo de la Zamenhofa elpenso.

La verko, kies unuan lecionon ni ricevis, kune kun specimenpaĝoj pri la ses unuaj, konsistas el tre bele eldonita malgrandformata kajero 32-paĝa, enhavanta regulojn kun ilustraĵoj, ekzercojn kaj multenombrajn bildetojn klarigantajn la uzadon de la prefiksoj aŭ sufiksoj, prepozicioj, k. c., finiĝante per plena vokabulario pri la vortoj uzataj dum la leciono.

La metodo ŝajnas al ni bonega kaj ankoraŭ pli la celoj kaj intencoj de la aŭtoro, kiu en apuda cirkulero esprimas sin tiel lojale kaj entuziasme, ke li meritas nian plenan fidon kaj helpon. Jen unu el la paragrafoj de lia letero:

«Amiko, tio ne estas, nure, unu nova libro aldonita al n'a jam riĉa libraro, kio ĝojplenigas kaj entuziasmigas nin tiel, sed kion tiu-ĉi libro reprezentas. Ĝi reprezentas la naskiĝon, la vivkomenciĝon de granda institucio. INSTITUCIO kiun ni intencas farigi la plej grandan en la mondo. Ĝi reprezentas la unuan paŝon, ĉeneron en la ĉeno de projektoj, kiujn ni estas preparantaj por la proksima estonteco. PROJEKTOJ-kiujn ni portadis kaj nutradis en nia koro multon da jaroj. Ke ni estas fervoraj kaj seriozaj en niaj penoj, vi povas juĝi laŭ la maniero de nia komenciĝo. Ke ni sukcesos, ni estas tiel certaj kiel ni estas certaj ke ni nun vivas. Ni posedas la voladon, persistadon kaj tenemadon por farigi ĝin sukceso. Nenia kontraŭaĵo estas sufiĉe granda por malhelpi nian determinadon. Nenia barilo estas sufiĉe forta por senkuraĝigi aŭ haltigi la progresadon de niaj penoj».

nuevo método para aprender Esperanto por correspondencia, establecido por una empresa, al parecer muy importante, *La Escuela Benson de Esperanto, Asociada*, que está dispuesta a hacer la más eficaz propaganda que hasta hoy se conoce en favor de la difusión del invento de Zamenhof.

La obra, cuya primera lección hemos recibido, junto con páginas de muestra de las seis primeras, consiste en un pequeño cuaderno magníficamente editado, de 32 páginas, conteniendo reglas con ilustraciones, ejercicios y una multitud de pequeños grabados aclaratorios del uso de los prefijos o sufijos, preposiciones, etc., terminado en un vocabulario completo de las palabras usadas en la lección.

El método nos parece excelente y más todavía los propósitos e intentos del autor, que en una circular adjunta se expresa con tanta lealtad y entusiasmo, que merece nuestra plena confianza y ayuda. Véase uno de los párrafos de su carta:

«Amigo, no es solamente un nuevo libro añadido a nuestra ya rica colección lo que nos llena de alegría y nos entusiasma de tal modo, sino lo que este libro representa. Representa el nacimiento, el principio de vida de una gran institución. INSTITUCIÓN que nosotros intentamos hacer la mayor del mundo. Representa el primer paso, eslabón en la cadena de proyectos que estamos preparando para un futuro próximo. PROYECTOS que llevábamos y abrigábamos en nuestro corazón ha ya muchos años. Que nosotros somos entusiastas y formales en nuestros esfuerzos, puede usted juzgarlo en la manera cómo hemos empezado. Del éxito de nuestra empresa estamos tan ciertos, como lo estamos de que ahora existimos. Poseemos la voluntad, la persistencia y la tenacidad para hacerla triunfar. Ninguna contrariedad es bastante grande para estorbar nuestra determinación. Ningún obstáculo es suficientemente fuerte para amilanar o detener el progreso de nuestros trabajos».

Plie li petas opiniojn, konsilojn, kunlaboradon—monon tute ne—por plibonigi sian verkon kaj institucion, kaj anoncas la tradukon de la kurso en la ĉefajn lingvojn de la mondo, demandante kiu el ili kaj kial meritas la honoron esti la unua uzata por la traduko.

Kaj nun venas... la neevitebla kritiko. Kelkaj eraroj enŝoviĝis en la verkon, kiuj tute devas malaperi el ĝi, ĉar tiajn ne povas enhavi libro difinita por la lernado kaj gvidado de multaj komencantoj. Preskaŭ ĉiuj el tiuj eraroj estas kontraŭ la korekta uzado de akuzativo; iuj estas eble preseraroj, nome: sur paĝo 28, 1.ª leciono, «La diligenta knabo lernas *Esperanto*» kaj sur paĝo 31, «Kiu estas la homo kun *kiun* vi parolis?» Sed aliaj ŝajnas ne esti presejaj pekoj, sed eraroj devenantaj de iom da malzorgo kaj trokurado de la aŭtoro, kiel la jenaj: sur sama paĝo 31, «li ne volis la blankan, tial mi donis *lin* la bluan», anstataŭ *mi donis al li;* kaj sur specimenpaĝo 7 el la 3.ª leciono presite per grandaj literoj, oni vidas: «LA PLEJ longa OL ĉiuj» kaj «LA PLEJ mallonga OL ĉiuj», anstataŭ *el ĉiuj*.

Ni esperas, ke en venontaj kajeroj la aŭtoro pli zorge korektos la presprovojn, sen maltrankvileco nek trorapidemo, kiel meritas entrepreno tiel grava kaj serioza kiel la lia, por kiu li atingos sendube la simpation kaj helpon de la tuta esperantistaro.

*Homaro*. 1.ª Kajero.—Eldonata de Julio Mangada Rosenörn, adr. Glorieta de Bilbao, 5, Madrid.

Jen broŝuro enhavanta la deklaracion politikan pri *Homaranismo* de nia amegata majstro D-ro Zamenhof, kaj aliajn artikolojn de konataj pacifistoj kaj filozofoj. Tiu-ĉi broŝuro estas la unua numero de serio, kiun intencas publikigi nia nelacigebla amiko S-ro. Mangada, en la okazo ke la publiko, akceptos favore la verke-

Además, pide opiniones, consejos, colaboración — todo menos dinero — para mejorar su obra e institución, y anuncia la traducción del curso en las principales lenguas del mundo, preguntando cuál de ellas y por qué merece el honor de ser la primera empleada en la traducción.

Y ahora viene... la inevitable crítica. Algunos errores se han deslizado en la obra, que deben desaparecer completamente de ella, porque tales no los puede contener un libro destinado a la enseñanza y guía de muchos principiantes. Casi todos esos errores son contra el uso correcto del acusativo; algunos son quizá erratas, a saber: en la página 28, 1.ª lección, «La diligenta knabo lernas *Esperanto*» y en la 31, «Kiu estas la homo kun *kiun* vi parolis» Pero otros parecen no ser faltas de imprenta, sino errores procedentes de algo de descuido y precipitación del autor, como los siguientes: en la misma página 31, «li ne volis la blankan, tial mi donis *lin* la bluan», en vez de *mi donis al li;* y en la página 7 de muestra, lección 3.ª, impreso con letras grandes, se ve: «LA PLEJ longa OL ĉiuj» y LA PLEJ mallonga OL ĉiuj», en lugar de *el ĉiuj*.

Esperamos que en sucesivos cuadernos el autor corregirá más cuidadosamente las pruebas de imprenta, sin intranquilidades ni prisas, como merece una empresa tan importante y seria como la suya, para la cual es indudable que conseguirá la simpatía y ayuda de todos los esperantistas.

*Homaro* (La humanidad) 1.er Cuaderno.—Editado por Julio Mangada Rosenörn. Dirección: Glorieta de Bilbao, 5, Madrid.

He aquí un folleto que contiene la declaración política sobre *Humanitarismo* de nuestro queridísimo maestro Dr. Zamenhof y otros artículos de conocidos pacifistas y filósofos. Este folleto es el primer número de una serie que intenta publicar nuestro infatigable amigo señor Mangada, siempre que el público acep-

ton, ĉar, kiel diras la aŭtoro, «aperas laŭ eblo, kiu dependas de la akcepto kaj aĉetado de ĉi-tiu kajero kaj sekvontaj»,

Ne abonebla, nur aĉetebla. Enlande: 15 centiman poŝtmarkon ĉiu ekzemplero kaj kvin pesetojn kvindek. Eksterlande: unu respondkuponon po ekz. kaj kvin sv. frankojn kvindek.

*La Sendanĝereco de Francujo* (unu el la problemoj de la paco).—Originale verkita de André Honnorat, senatano, eksministro; esperanta traduko de famaj francaj esperantistoj, revidita de sinjoro Grosjean-Maupin.

Ni ricevis de Centra Librejo Esperantista, 51, rue de Clichy, Paris (9e ) tiun-ĉi gravan verkon eldonitan de la Societo de la Historio de la Milito.

Per tiu-ĉi libro, Esperanto invadas novan agadkampon, tiun de la politiko; ĝis nun estis multenombraj la literaturaj aŭ sciencaj verkoj en esperanto, sed la nuna eniras en pli ampleksan horizonton kaj altiros sendube la atenton de gravaj politikuloj pro la aktualeco kaj signifo de la ideo defendita de S-ro. Honnorat, kiu rilatas al la malatakemo de Francujo (sécurité de la France).

*Pro Iŝtar.*—Romano el la antikva Babela historio, originale verkita en esperanto de H. A. Luyken, 304-paĝa libro, kaj *Saltego trans jarmiloj*, alia originale verkita romano en esperanto de Jean Forge, 192-paĝa.—3, 4, gm. broŝuritaj, binditaj.

Specimenojn de ambaŭ verkoj ni ricevis de la eldonistoj, S-roj. Ferdinand Hirt & Sohn, en Leipzig, Germanujo.

Ni rekomendas al niaj legantoj la aĉetadon de tiuj verkoj, kiuj riĉigas la jam multvaloran esperantan verkaron, ĉiutage kreskantan.

te favorablemente dicho opúsculo, pues, como dice su autor, «aparece circunstancialmente, según la aceptación y venta de este cuaderno y posteriores».

No hay suscripción, únicamente venta. En España: un sello de 15 céntimos cada ejemplar, y cinco pesetas, 50. Extranjero: un cupón respuesta ejemplar, y cinco francos suizos, cincuenta.

*La Seguridad de Francia* (uno de los problemas de la Paz).—Original de André Honnorat, senador, ex ministro; traducción al esperanto por conocidos esperantistas franceses, revisada por Mr. Grosjean Maupin.

Hemos recibido de la Librería Central Esperantista, 51, calle de Clichy, París (9.º), esta importante obra editada por la Sociedad de la Historia de la Guerra.

Por este libro el Esperanto invade un nuevo campo de acción, el de la política; hasta ahora eran muchas las obras en esperanto sobre literatura o ciencias, pero la presente entra en un horizonte más amplio y atraerá sin duda la atención de importantes políticos por la actualidad y significación de la idea defendida por Mr. Honnorat, referente a la inviolabilidad de Francia (Sécurité de la France).

*Pro Iŝtar.*—Novela inspirada en la antigua historia de Babel, original escrito en esperanto por H. A. Luyken, libro de 304 páginas, y «*Un salto a través de los siglos*», otra novela original escrita en esperanto por Jean Forge, de 192 páginas. —Precio: 3, 4, marcos oro, en rústica o encuadernados.

Ejemplares de muestra de ambas obras hemos recibido de los editores, Ferdinand Hirt & Sohn, de Leipzig, Alemania.

Recomendamos a nuestros lectores la adquisición de estas obras que enriquecen la ya valiosa biblioteca esperantista, siempre creciente.

❖ ❖ ❖

# SCIIGOJ

Ni ĝoje konstatas, ke estas jam multaj la hispanaj gazetoj aŭ revuoj, kiuj, kvankam ne esperantistaj, estas tre simpatiplenaj por nia movado. Tio klare pruvas, ke Esperanto estas ĝenerale konsiderata en la nunaj tempoj kiel tute serioza kaj apoginda afero, kaj sekve ni, esperantistoj, kiel *preskaŭ* utilaj homoj; kio devas plenigi nin je kontenteco kaj stimuli nian laboremon kaj fervoron por la kara idealo. Kaj dankon al ili ĉiuj!

Inter la menciitaj gazetoj, la plej citindaj estas la jenaj, kiuj enhavas konstantan fakon esperantan:

*Teknika Revuo de la Civilgvardio*, monata, ilustrita (Administrejo: Apartado de Correos 445, *Madrid*). Ĝi publikigas, kiel felietonon, esperantan gramatikon kun ekzercoj kaj bildoj klarigantaj la tekston, ŝuldatan al nia kompetenta samideano S-ro. Mangada. Plie ĝi enhavas propagandan fakon kaj parolejon en esperanto, kiel ekzercon por la lernantoj.

*Revuo de la Ateneo*, ankaŭ monata kaj ilustrita (Redaktejo: Duque de Almodóvar, 8, *Jerez de la Frontera*. Jarabono, 5 pesetojn). Ĝi enhavas apartan fakon titolitan «Esperanto. Notoj de esperantisto», kie iu samideano verkas, esperante kaj hispane, dukolone, kronikon pri nia movado kaj ĝiaj plej notindaj faktoj.

*Eugenia*, monata revuo pri ĝenerala homperfektigo (Administrejo: Parlamento, 47, interior, 1.ª, *Barcelona*). Ankaŭ publikigas konstantan fakon titolitan «Pri Esperanto», verkitan foje en esperanto kaj alifoje dulingve, ĉu pri esperanta movado, ĉu pri propagando de *Eugenismo*. (Jarabono, 6 pesetojn).

# NOTICIAS

Hacemos constar con alegría que son ya muchas las revistas o periódicos españoles que, sin ser esperantistas, muestran una gran simpatía por nuestro movimiento. Esto prueba claramente que el Esperanto se considera generalmente en los tiempos actuales como asunto serio y digno de apoyo, y por consiguiente, a nosotros, los esperantistas, como a hombres *casi* útiles; lo cual debe llenarnos de satisfacción y estimular nuestra laboriosidad y fervor por el caro ideal. ¡Y gracias a todos ellos!

Entre los mencionados periódicos, los más dignos de citar son los siguientes, que contienen una sección fija sobre esperanto:

*Revista técnica de la Guardia Civil*, mensual, ilustrada (Administración: Apartado de Correos 445, *Madrid*). Publica como folletín una gramática de Esperanto con ejercicios y grabados aclaratorios del texto, debido a nuestro competente correligionario Sr. Mangada. Además contiene una sección de propaganda y consultorio en Esperanto, como ejercicio para los estudiantes.

*Revista del Ateneo*, también mensual e ilustrada (Redacción: Duque de Almodóvar, 8, *Jerez de la Frontera*. Abono, 5 pesetas al año). Contiene una sección exclusiva, titulada «Esperanto. Notas de un esperantista», donde un *samideano* escribe, en esperanto y en español, a dos columnas, una crónica sobre nuestro movimiento y sus hechos más notables.

*Eugenia*, revista mensual sobre el perfeccionamiento general del hombre (Administración: Parlamento, 47, interior, 1.ª, *Barcelona*). También publica una sección fija titulada «Sobre esperanto», escrita unas veces en esperanto y otras bilingüe, ya sobre movimiento esperantista, ya sobre propaganda de *Eugenismo* (Abono anual, 6 pesetas).

*Helios*, monata kaj grava revuo pri *Naturismo* (Direktoro-Administranto: Clavé, 22, *Valencia*. Jarabono, 4 pesetojn). Ofte enhavas artikolojn aŭ sciigojn pri naturismo kaj vegetarismo verkitajn esperante aŭ hispane. Nun ĝi preparas la publikigon de «Vegetarano-Naturista Gvidlibro tutmonda» en esperanto kaj hispana lingvo, por kio ĝi petegas la tutmondan samcelanaron sendi al ĝi plej detalajn sciigojn pri vegetaranaj-naturistaj federacioj, societoj, grupoj, kolonioj, resanigejoj, banejoj, restoracioj, gastejoj, gazetoj, nutroproduktoj kaj ĉiuspecaj sciigindaj aferoj pri tiu movado.

*Helios*, mensual e importante revista sobre *Naturismo* (Director-Administrador: Clavé, 22, *Valencia*. Abono al año, 4 pesetas). Con frecuencia contiene artículos o noticias sobre naturismo y vegetarismo escritos en esperanto o en español. Actualmente prepara la publicación de una «Guía universal Vegetariano-Naturista» en esperanto y en español, para lo cual ruega a los correligionarios de todo el mundo le envíen las noticias más detalladas posible sobre vegetariano-naturistas federaciones, sociedades, grupos, colonias, sanatorios, baños, restaurants, casas de huéspedes, periódicos, productos nutritivos y toda clase de asuntos dignos de conocimiento sobre aquel movimiento.

---

*Electra*, teknika revuo pri telegrafaj aferoj, dektaga, ilustrita (Redaktejo: Francisco Ramírez, 12, Villa Paquita (Prosperidad), *Madrid*. Abono, 2 pesetojn monate, aŭ ponumere, 1 peseton). Ĝi publikigas hispane peresperantan fakon titolitan «Eksterlanda telegrafa kroniko», enhavantan elĉerpaĵojn el kelkaj esperantaj profesiaj revuoj alilandaj, per kiuj nia samideano kaj ĉeftelegrafisto S-ro. Soler Valls tre trafe montras al siaj kunprofesianoj la utilecon de Esperanto en la sciencaj kaj ĉiuspecaj rilatoj.

*Electra*, revista técnica sobre asuntos de telegrafía, decenal, ilustrada (Redacción: Francisco Ramírez, 12, Villa Paquita (Prosperidad), *Madrid*. Abono, 2 pesetas al mes, o cada número 1 peseta). Publica en español, y valiéndose del esperanto, una sección titulada «Crónica telegráfica del extranjero», conteniendo extractos de algunas revistas profesionales extranjeras en esperanto, con los cuales nuestro *samideano* y jefe de Telégrafos, Sr. Soler Valls, demuestra muy acertadamente a sus compañeros de profesión la utilidad del Esperanto en las relaciones científicas y de todas clases.

---

Laŭ letero, kiun ni ricevis de la «Federazione Esperantista Italiana» la Deka Itala Kongreso de Esperanto okazos en Bari dum septembro 1925ª. La Komitato invitas ne nur la italajn samideanojn sed ankaŭ la samideanojn de tuta mediteranea marbordo.

Tiuj, kiuj interesiĝos por tiu kongreso povos sin turni al la Loka Komitato, Vía Gandía, 45, Bari, Italio.

Según carta que hemos recibido de la «Federación Esperantista Italiana», el X Congreso Italiano de Esperanto tendrá lugar en Bari, en septiembre de 1925. El Comité invita, no sólo a los colegas italianos, sino también a los colegas de todo el litoral mediterráneo.

Los que se interesen por dicho congreso pueden dirigirse al Comité Local, Vía Gandía, 45, Bari, Italia.

---

*Málaga.*—En la Civila Estraro de tiu-ĉi provinco restis registrita kaj rajtigita la kreo de societo titolita «Grupo Esperantista Málaga», por la senpaga instruado de la lingvo helpa internacia Esperanto.

Ĝia estraro estas: *Honora Prezidanto*, S-ro. Mariano Franco Villarreal, majoro de mara infanterio kaj estro de la urba gvardio; *Prezidanto*, S-ro. Roberto Maraury Barredo; *Vicprezidantino*, fraŭlino Isabel Benítez; *Voĉdonantoj:* S-roj. Francisko Santos, Serafeno García, Rikardo García kaj F-ino. Victoria Benítez; *Kasisto*, S-ro. Martín Leyva, *Sekretario*, sinjoro Serafeno Baudín. Socia ejo, strato Pi y Margall, n.º 8. Klasoj, mardoj kaj vendredoj, je la 9ª nokte.

En la «Graduada Cervantes», nacia gradigita lernejo por infanoj, oni instruas esperanton al la lernantoj, kiel ĝeneralan gramatikon kaj instruilon por geografio.

La Delegito de UEA, S-ro. Baudín, klarigas esperantan kurson en sia hejmo, Alameda de Capuchinos, n.º 37. Tiu ĉi sinjoro farigis kaj metis en sia oficejo belan pligrandigaĵon el la portreto de Zamenhof kun luksa kadro.

La Esperantista Grupo komencas formi esperantan bibliotekon.

---

Kiam nia marta numero estis ankoraŭ presigata, ni ricevis la viziton de nia simpatia samideanino la filipina F-ino. María de la Paz Zamora, kiu, en sia longa vojaĝo tra Europo alvenis Valencion la 18an de pasinta monato.

F-ino. Zamora perdis en Barcelono sian akompanantinon kaj fratinon, la lerta esperantistino S-ino. Felicidad Zamora, de García, kiu mortis en tiu urbo la 18an de februaro ĵus pasinta.

Ni profitis la okazon por esprimi al familioj García-Zamora, nian sinceran kondolencon.

---

*Málaga.*—En el Gobierno Civil de esta provincia quedó registrada y autorizada la creación de una socieded titulada «Grupo Esperantista Málaga», para la enseñanza gratuita de la lengua auxiliar internacional Esperanto.

Su directiva es: *Presidente honorario*, D. Mariano Franco Villarreal, comandante de infantería de marina y Jefe de la guardia urbana; *Presidente*, D. Roberto Maraury Barredo; *Vicepresidenta*, señorita Isabel Benítez; *Vocales:* D. Francisco Santos, D. Serafín García, D. Ricardo García y la Srta. Victoria Benítez; *Cajero*, D. Martín Leyva; *Secretario*, don Serafín Baudín. Domicilio social: calle Pi y Margall, núm. 8. Clases los martes y viernes, a las 9 de la noche.

En la «Graduada Cervantes», escuela nacional graduada para niños, se enseña el Esperanto a los alumnos, como gramática general y medio auxiliar para la geografía.

El Delegado de UEA, Sr. Baudín, explica un curso de Esperanto en su casa, Alameda de Capuchinos, 37. Este señor hizo sacar y colocar en su despacho una gran ampliación del retrato de Zamenhof con un lujoso marco.

El Grupo Esperantista empieza a formar una biblioteca de Esperanto.

---

Cuando nuestro número de marzo se hallaba en prensa, recibimos la visita de nuestra simpática colega la señorita filipina María de la Paz Zamora, la que en su largo viaje por Europa llegó a Valencia el 18 del pasado mes.

La Srta. Zamora había perdido en Barcelona a su compañera de viaje y hermana, la inteligente esperantista D.ª Felicidad Zamora, de García, la que falleció en aquella ciudad el 18 del próximo pasado febrero.

Nosotras hemos aprovechado la ocasión para expresar a las familias de García-Zamora nuestro sincero pésame.

---

Kun granda ĝojo ni ricevis leteron de nia malnova samgrupano S-ro. Benito Angiano, Nacia Profesoro de La Línea (Cádiz); de la jaro 1907 ni sciis nenion pri li, kaj nune li ne nur certigas al ni pri sia daŭra entuziasmo por Esperanto, sed petas al ni gramatikojn por lernigi nian lingvon al siaj lernantoj.

Jen imitinda ekzemplo!

Con gran alegría hemos recibido carta de nuestro antiguo consocio D. Benito Anguiano, Maestro Nacional de La Línea (Cádiz); desde el año 1907 nada sabíamos de él, y ahora, no sólo nos confirma que continúa su entusiasmo por Esperanto, sino que nos pide gramáticas para enseñar nuestro idioma a sus alumnos.

¡He ahí un ejemplo digno de ser imitado!

---

# La Teruel'aj Geamantoj

(Daŭrigo)

IV

Kial Diego Marcilla ne revenis akurate kaj ne plenumis sian promeson al sia fianĉino kaj eĉ ne skribis leteron al ŝi dum tiuj kvin jaroj? Ni vidos ĝin sinsekve.

Kiel oni scias, la aragona kavaliro restis kaptita de la mahomedanoj en unu el la lastaj bataloj okazintaj post la fama batalo de *Las Navas de Tolosa*. Pasis multe da tempo de kiam S-ro. Marcilla estis malliberigita en Kardova, atendante ke la Sultano decidos pri lia sorto.

La urbo estis agitiĝanta kaj la malkontentaj mahomedanoj unuiĝis por mortigi la Sultanon. La malliberigita kavaliro eksciiĝis azarde pri la nomo de la perfiduloj kaj pripensis malkovri la revolucion kaj apogi la Sultanon, se eble, por akiri liberecon kaj reveni apud sia amatino Isabel kiel eble plej baldaŭ.

Marcilla petis permeson de la Sultano por deklari al li ĉion, la Sultano aŭskultis

# Los Amantes de Teruel

(Continuación)

IV

¿Por qué Diego de Marcilla no volvió puntualmente y no cumplió su promesa a su novia y ni siquiera le escribió una carta durante aquellos cinco años? Lo veremos a continuación.

Como es sabido, el caballero aragonés quedó cautivo de los mahometanos en uno de los últimos combates ocurridos después de la famosa batalla de *Las Navas de Tolosa*. Desde que fué hecho prisionero, pasó el Sr. Marcilla mucho tiempo en Córdoba, esperando que el Sultán decidiera de su suerte.

La ciudad estaba muy agitada y los mahometanos descontentos se unieron para dar muerte al Sultán. El cautivo caballero supo casualmente los nombres de los traidores y pensó descubrir la revolución y apoyar al Sultán, por si acaso podía adquirir la libertad y volver junto a su amada Isabel lo más pronto posible.

Marcilla pidió permiso al Sultán para declarárselo todo; el Sultán escuchó al

a kristanan kavaliron, sed ne fidanta pri la diroj de la malliberigito, demandis al li pri pruvoj kaj en tiu momento Marcilla montris al la Sultano pergamenon kun la nomoj de la revoluciestroj.

La Sultano promesis al la kristana kavaliro ke en la okazo kiam la revolucio efektiviĝos, kion li dezirus por konvinkiĝi pri la vero kaj por koni la estrojn, li restos liberigita.

Post kelkaj tagoj la okazantaĵoj montris al la Sultano ke la aragona kavaliro diris la veron. Marcilla defendis la reĝan palacon kun elektitaj soldatoj de la maŭra reĝo, kaj en la plej kriza momento de la strata luktado, malfermiĝis la ĉefa pordo de la palaco kaj eliris Marcilla sekvata de la reĝaj soldatoj kaj devigis forkuri la malfidelulojn, kiuj lasis la stratan pavimon semata de multenombraj mortigitoj.

Sed kiam la Kordova Sultano volis danki la fidindan kavaliron sciiĝis ke Marcilla restis vundita en la batalkampo. La Reĝo ordonis ke la kavaliro estu vigle zorgata de la plej eminentaj kuracistoj de la kortego.

Dum sia longa resaniĝo Marcilla estis zorgeme flegata de la princino Zulema, filino de la Sultano; tiom da tempo ŝi restis apud la lito de la vundito ke ŝi enamiĝis je la kristana kavaliro.

Zulema ekkomprenis ke ŝi neniam estos povinta atingi tian neeblan celon, ne nur pro la religia kaŭzo, sed tial ke ŝi aŭdis kelkajn vortojn, kiuj preterglitis el la lipoj de la vundito dum la febraj momentoj, per kies vortoj ŝi divenis ke lia koro jam apartenis al alia eble kristana virino.

caballero cristiano, pero no fiándose de las palabras del cautivo, le pidió pruebas, y al momento Marcilla mostró al Sultán un pergamino con los nombres de los jefes revolucionarios.

El Sultán prometió al caballero cristiano que, en el caso de que la revolución se efectuase, lo cual deseaba para convencerse de la verdad y conocer a los jefes, él quedaría libre.

Al cabo de algunos días los acontecimientos mostraron al Sultán que el caballero aragonés dijo la verdad: Marcilla defendió el palacio real con soldados elegidos por el rey moro y en el momento más crítico de la lucha en las calles, se abrió la puerta principal del palacio y salió Marcilla seguido de los soldados reales y puso en fuga a los traidores que dejaron el pavimento de las calles sembrado de numerosos muertos.

Mas cuando el Sultán cordobés quiso dar las gracias al fidedigno caballero, se enteró de que Marcilla había quedado herido en el campo de batalla. El Rey ordenó que el caballero fuese asistido con el mayor esmero por los más eminentes médicos de la corte.

Durante su larga convalecencia, Marcilla fué atentamente cuidado por la princesa Zulema, hija del Sultán; tanto tiempo estuvo la princesa junto al lecho del herido, que se enamoró del caballero cristiano.

Zulema se dió cuenta de que jamás podría conseguir tan imposible designio, no sólo por causa de la religión, sino porque había oído algunas palabras, que se habían deslizado de los labios del herido durante los momentos de fiebre, por cuyas palabras ella adivinó que su corazón

Kiam Diego de Marcilla estis jam komplete resaniĝinta rememoris la Sultanon pri lia promeso kaj petis de li la permeson por reveni hejmen. La kordova reĝo ne volis apartiĝi de tiel kuraĝa junulo kaj la princino Zulema siavice ploregis peteganta la kavaliron ke li restadu kun ŝi; sed la kvinjara tempolimo estis finiĝonta baldaŭe kaj Marcilla, nur deziranta revidi la amatinon, insistis pri sia decido. La Sultano fine plenumis sian promeson liberigi lin kaj donacinte al li tre riĉajn premiaĵojn ordonis ke eskorto da palacgardistoj estu akompananta la kristanan kavaliron ĝis la limo de la kordova reĝlando.

Kun la koro plena de ĝojaj esperoj revenis Marcilla al sia patrujo kaj kiam mankis al li nur kelkaj mejloj por atingi la urbon Teruel, subite sin vidis atakata de kvar malbonfaruloj, kiuj intencis rabi al li la de li kunportitajn riĉaĵojn. Li sin defendis kuraĝe de la rabistoj kaj eĉ atingis forkurigi ilin, sed okaze de la lukto liaj vundoj malfermiĝis kaj tia maloportunaĵo devigis lin restadi dum kelkaj tagoj en proksima kampara dometo kie li enlitiĝis por sin kuraci kaj esti preta daŭrigi la vojon.

*(Daŭrigota)*

ya pertenecía a otra mujer, probablemente cristiana.

Cuando Diego de Marcilla estuvo ya completamente restablecido, recordó al Sultán su promesa y le pidió permiso para volver a su hogar. El rey cordobés no quería separarse de tan valeroso joven y por su parte la princesa Zulema sollozó suplicando al caballero que se quedase junto a ella; pero el plazo de cinco años iba a terminar pronto y Marcilla, deseando volver a ver a su amada, insistió en su decisión. Por fin el Sultán cumplió su promesa de libertarle, y habiéndole hecho donativo de muy ricos presentes, ordenó que una escolta de guardias de palacio acompañase al caballero cristiano hasta el límite del reino cordobés.

Con el corazón lleno de alegres esperanzas volvía Marcilla a su patria, y cuando faltaban sólo algunas leguas para llegar a la ciudad de Teruel, súbitamente se vió atacado por cuatro malhechores que intentaban robarle las riquezas que llevaba consigo. El se defendió valerosamente de los ladrones, y hasta consiguió ponerles en fuga; pero a causa de la pelea sus heridas se abrieron, y tal inoportunidad le obligó a permanecer durante algunos días en una alquería próxima, donde guardó cama para curarse y estar en disposición de continuar el viaje.

*(Continuará)*



TIPOGRAFIA MODERNA, A C. DE M. GIMENO, PRIMADO REIG (antes Avellanas, 11, VALENCIA

